




5/2001
Augusto/Septembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Du und Deine Welt 2001

Ankau chi-jare Esperanto estos prezentata en la granda ekspozicio en Hamburg. (pasintjara foto)

---

## Herzberg invitas al 25jara jubileo

De la 2a ghis la 5a de Novembro 2001 okazos granda programo lau la "Europa jaro de la lingvoj".
Bv. legi post la programo.

| Sentenco | Editorajhoj |
|---|---|
| Politikisto estas viro,<br>kiu pensas dufoje antau ol<br>li diras nenion.<br><br>Winston Churchill | Redaktofino de<br>Hamburg Esperanto<br>n-ro 5/01: 15-09-2001<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: *Jürgen Wulff*<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: *Benno Klehr*<br><br>Retposhto: Hamburg@Esperanto.de<br>(alvenas che *Frank Merla*) |
| La HES klubejo estas malfermita Jhaude ek de 19:30 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:30 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr | **- Esperanto-Eisenbahner -**<br><br>Fervojistoj renkontighas en la stacio Altona, antau la biletvendejo Sabate je la 10.00 h:<br><br>Pri la detaloj informas Klaus Böhnke |
| **Kurso**<br>Kurso por komencintoj nun regule okazos Jhaude antau la klubvespero ek de la 18.30 h.<br>Tiu kurso speciale celas la ekzercadon de parolkapablo.<br>Gvidas ghin Jutta Sültz. | **Husum en 2002**<br>Germana Esperanto-Kongreso okazos de la 17a ghis la 20a de Majo 2002 en la urbo Husum.<br>Kongresejo estos la Hotelo Theodor Storm.<br>Pliaj informoj en la venonta eldono de Esperanto Hamburg |

**Nia programo**

| Augusto 2001 | Septembro 2001 |
|---|---|
| **2** *Jürgen Wulff:*<br>Kiel ni kondutu en informstando?<br><br>**9** *Benno Klehr:* | **6** *Hella Lanka:*<br>Lumbildoj pri la Universala Kongreso en Zagreb 2001 |

| | |
|---|---|
| Kvizo kun premio pri chiuj temoj<br><br>**16** Sen speciala programo<br><br>**23** Sen speciala programo<br><br>**30** Sen speciala programo | **13** *Sylwia Pöhlmann:*<br>La Internacia Junulara Kongreso en Strasburgo<br><br>**20** *Werner Bormann:*<br>2001: Europa jaro de la lingvoj<br><br>**22** Schnupperkurs<br>14.00 - 17.00 h<br><br>**27** Sen speciala programo |

**Herzberg invitas en Novembro**

Partoj de la programo
Vendredo, 02.11.
18.30 h: akcepto
19.00 h: opera kantado
19.30 h: Prelego de Otto Kern:
Esperanto - die gefährliche Sprache
20.15 h: Prelego de Detlev Blanke:
Sprachenpolitik der E.U.
Sabato, 03.11.
10.00 h: Prelego de Martin Haase:
Lingva diverseco
11.00 h: Prelego de John Wells:
Esperanto kaj la reta revolucio
14.00 h: Prelego de Sabine Fiedler:
Esperanta frazeologio
15.00 h: Prelego de Werner Bormann:
kontrolaj institucioj de planlingvoj - Akademioj
16.00 h: Prelego de Detlev Blanke:
Metafora uzo de la vorto Esperanto
17.00 h: Prelego de Vera Barandovská-Frank:
Europaj lingvoj
20.15 h: Klasika muziko
21.40 h: Folklora muziko
22.05 h: Ralph Glomp el Hamburg
22.25 h: Rusaj Popolkantoj

Pliaj informoj estas haveblaj en la klubejo au petu telefone en Herzberg:
Peter Zilvar 05521/1363

---

**Raporto pri la 78a Germana Esperanto-Kongreso**
inter la 1a kaj la 4a de Junio 2001 en Ludwigshafen, sub la titolo "La Europa jaro de la lingvoj" Komenco: Vedredon, la 1an de Junio 2001, ekspozicio "Momentoj el eterno". Bildoj lau poemoj de Rose Ausländer. Ni kongresis en la sama domo, kie ni tranoktis kaj manghis. Entute estis 108 kongresanoj/inoj, 4 el Hamburgo. Heinrich-Pesch-domo estas bele situita, havis agrablan atmosferon kaj bonan servadon.
Sabaton, la 2an de Junio, estis solena inauguro kun la interesa festprelego de Dr. Werner Bormann pri la kongresa temo. Prezentis sin la reprezentantoj el la landoj Chehhio, Francio, Italio, Japanio, Jugoslavio, Kroatio, Svedio. Krom la ghisnuna GEA-prezidanto Dr. Kurz lautlegis la salutvortojn de la chefurbestro.
Char la kongreso staris sub la titolo "La Europa jaro de la lingvoj" ni povis poste audi la prelegon de s-ano Werner Pfennig pri la "evoluo de la platdicha lingvo" kun montritaj folioj kaj statistikoj. S-ano Dr. Martin Haase parolis pri la vaska lingvo. La junulo Gunnar Fischer prezentis esperantlingvan muzikon.
Je la 17a horo komencis la fakkunsidoj. Vespere ni travivis kun 60 gesamideanoj neforgeseblan ekumenan pentekostan diservon.
La 3an de Junio okazis la jarchefkunveno de GEA; partoprenis ch. 90 gesamideanoj. La revizoroj trovis chion en bona ordo. Oni proponis s-anon Andreas Emmerich el Darmstadt kiel novan prezidanton kaj unuanime elektis lin.
Aliaj estraranoj: Dr. Rainer Kurz, Reinhard Pflüger, Gunnar Fischer (GEJ), Frank

Stocker, Stefan Sassenberg, Alois Eder, Dr. Jörg Gersonde.
Membro-kotizoj por 2002: EUR 46,- anstatau DM 90,- por ordinara membro. Familianoj kaj senlaboruloj: EUR 23,- anstatau DM 45,- jare. Tutfamilia membreco: EUR 69,- anstatau DM 135,-. Patronaj membroj pagas EUR 92,- anstatau DM 180,-. Lundon, la 4an de Junio 2001, matene parolis s-ano Ulrich Matthias pri "Esperanto kaj la eklezio". Krome okazis fakkunvenon ankau por la landaj asocioj.
(mallongigita teksto)

Hella Lanka

Re al Esperanto en Hamburg